Wikipedia

# Mandinka lingvo

La **mandinka lingvo** (*Mandi'nka kango,* لغة مندنكا) estas afrika lingvo, ofte klasita kiel apartenanta al la Niĝerkonga lingvaro. Ĝi estas branĉo de la mandea lingvaro, parolita de la mandinkoj, kaj estas parolata de ĉirkaŭ 606.000 homoj en la sudorienta parto kaj sudcentra parto (reĝiono Kazamanco) de Senegalo, kie ĝi estas oficiala lingvo. Krome ĝin parolas ĉirkaŭ 453.000 homoj en Gambio kaj ĉirkaŭ 154.000 homoj en Gvineo-Bisaŭo. En meza Gambio ĝi estas la ĉefa lingvo.

La mandinka apartenas al la mandinga branĉo de la mandea lingvaro, do ĝi estas simila al la bambara kaj aliaj maninkaj lingvoj. En la plimulto de la lokoj kie ĝi estas parolita, ĝi estas tona lingvo kun du tonoj: Alta kaj basa.

| Mandinka | |
|---|---|
| **Parolata en** | Senegalo, Gambio, Gvineo Bisaŭa |
| **Parolantoj** | 1 350 000 |
| **Denaskaj parolantoj** | 1.3 milionoj (2006) [1] |
| **Skribo** | Latina alfabeto (oficiale), araba alfabeto, N'Ko |
| **Lingvistika klasifiko** | |
| Niĝerkonga | |
| Mandea | |
| Okcidenta mandea | |
| Mandinga | |
| Okcidenta mandinga | |
| Mandinka | |
| **Lingvaj kodoj** | |
| **Lingvaj kodoj** | |
| **ISO 639-3** | mnk |
| **Glottolog** | mand1436 |
| **Angla nomo** | Mandinka |
| **Franca nomo** | mandinka |

## Skribsistemo

Ambaŭ la latina kaj la araba alfabetoj estas uzataj por skribi la mandinkan. La unua estas la oficiala, sed la dua estas pli vaste uzita kaj pli antikva. Ankaŭ la intermandea skribsistemo N'Ko, elpensita en 1949, estas ofte uzita en la nordoriento de Gvineo kaj en limaj komunumoj en Ebur-Bordo kaj Malio.

En la latina alfabeto, c estas /t͡ʃ/; ŋ, /ŋ/; kaj ñ, /ɲ/. La literoj v, x, z kaj q ne estas uzitaj. La vokaloj estas samaj kiel en Esperanto kaj duobliĝas por indiki longecon aŭ por distingigi vortojn kiuj estas samsonaj.

En la araba alfabeto oni ne uzas kromajn literojn (aparte ol, malofte, kroman vokalmarkon por *e*), sed kelkaj literoj estas elparolitaj malsame ol en la araba.

## Referencoj


1. ↑ "Mandinka" (http://www.ethnologue.com/language/mnk) ĉe Etnologiisto (18-a eldono, 2015)


## Eksteraj ligiloj

- http://www.mandinka.org/ en la mandinka kaj aliaj lingvoj.